# INTERNACIA FERVOJISTO




## ORGANO DE I.F.E.F.

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

35a jaro Septembro-oktobro 1983 N-ro 5

Akcepto ĉe la bulgara Ministro de Transporto, s-ro VASIL CANOV, honora protektanto de la 36a IFEF-kongreso - 12-18.05. 1984. La ministro estas la tria de dekstre, IFEF-prezidanto unua de dekstre, LKK-prezidanto tria de maldekstre.

## REDAKTORA BABILO

Atente legu ĉi-tiun numeron. Ne nur pro la enhavo, kvankam ĝi enhavas gravajn raportojn de la pasinta kongreso kaj interesajn informojn pri la venonta. Sed precipe por ke vi juĝu, ĉu la iom malpli grandaj literoj iel malhelpas la fluan kaj facilan legadon.

Prokrastiĝis la eldono iomete pro tio, sed tio verŝajne estas nur unuafoja afero.

Kiel jam dirite, la enhavo precipe estas prikongresa, kaj raportoj kaj protokoloj povas eble ŝajni al kelkaj sekaj kaj seninteresaj. Ili ne estas! Provu legi ilin, kaj provu pensi, kiom da agado, laborhoroj, libertempo estas malantaŭ la priskribitaj atingoj, kaj eĉ pli impona estas la tuto de laboro, ĉar kvazaŭ glacibloko en la maro, videbla estas dekono!

Kaj nepre atentu la ĉi-dekstran, tute freŝan raporton de nia kasisto pri la FISAIC-ĝenerala kunveno.

La imponan 68an UK kun rekorda partoprennombro (5010!) en Budapeŝto nia prezidanto priraportas, kaj denove niaj hungaraj kolegoj montris sian superan kapablon organizi.

Ĝis komence de novembro.

red.

## FISAIC-ĜENERALA KUNVENO

Kiel reprezentanto por DJIF mi partoprenis la ĝeneralan kunvenon de la FISAIC en Helsinki, Finnlando de la 24a ĝis la 28a de aŭgusto. Krom la ĝenerala kunveno estis ekspozicioj de pentraĵoj, skulptaĵoj, poŝtmarkoj, muzik- kaj kantkoncertoj, popoldancoj, kaj oni aranĝis specialan fest-koncerton en la granda Finlandia-domo, kie ludis 60-persona fervojista orkestro, kantis 150-persona ĥoro kaj infana ĥoro kun 30 membroj. Tre impona kaj altkvalita aranĝo.

Ekster la granda koncerthalo estis speciala ekspozicio pri Esperanto-fakliteraturo: diversaj fakaj prelegoj, tradukitaj reglamentoj kaj terminaretoj aranĝita de N G Narvala.

Dum la posta festbankedo la prezidanto de finna FISAIC Erkki Sipilä transdonis al Narvala diplomon kaj stipendion 2000 FIM pro lia longjara agado por Esperanto kaj aliaj aktivecoj en la kadroj de la FISAIC-medio. Gratulon al Narvala. El la tagordaj punktoj de la ĝenerala kunveno mi menciu:

- Bulgario estis akceptita kiel membro de FISAIC. Laŭ iniciato de IFEF.
- la ĝenerala prezidanto Gilbert Schmit, tre pozitive kaj detale raportis pri sia partopreno en la IFEF-kongreso en Ostendo.
- ankoraŭ ekzistas problemoj rilate al niaj kolegoj en Pollando. Novaj kontaktoj espereble okazos en Bulgario.

Krome la ĝenerala prezidanto en privata interbabilo diris al mi, ke en Finnlando li vere spertis lingvajn malfacilaĵojn kaj tial vidas la taŭgecon de Esperanto. Li cetere aludis, ke li tre volonte partoprenus la IFEF-kongreson en Bulgario.

H Hauge

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

Sekretariejo: Otto Rösemann, Ringstrasse 14, D-3067 Lindhorst
Redaktoro: E Henning Olsen, Åderupvej 182, DK-4700 Næstved
Poŝtĉekkonto: 1 25 80 36, IFEF, Banegårdspladsen 14, DK-9700 Brønderslev
Dana bankkonto: 7353-350550, Provinsbanken, DK-9800 Hjørring (pagante per bankkonto aldonu 25 dkr por bankelspezoj)
Svisa bankkonto: 471-02, Thurgauische Kantonalbank, CH-8590 Romanshorn
Svisa poŝtĉekkonto: CH 85-4110 Frauenfeld, IFEF, Banegårdspladsen 14, DK-9700 Brønderslev




# UNUAJ INFORMOJ PRI LA 36A IFEF-KONGRESO EN SLANĈEV BRJAG (SUNA BORDO) - BULGARIO

Adreso de LKK: 36a IFEF-kongreso
Hr.Botev 97,
BG-1303 Sofio.
Tel: 32-09-84 kaj
31-55-68

LKK konsistas el:

Marin Marinov - prezidanto
Inĝ. Angel Todorov - vicprezidanto
Svetoslav Manev - sekretario
Adrianka Georgieva - kasistino
Donĉo Hitrov - informado
Stojan Kostadinov - informado
Krâstju Karucin - kongreslibro
Veselin Rizov - esperantaĵoj
Enju Enev - loĝigo
Elena Mateeva - ekskursoj
Dimitâr Mutuŝev - filmado
Georgi Dolapĉiev - konsilanto
Viktor Cenov - revizoro
Liljana Stojĉeva - spec. komisioj
Hristo Krâstev - specialaj komisioj

LKK jam delonge funkcias. En Oostende ĝi distribuis afiŝojn, bildkartojn, glumarkojn kaj provizoran aliĝilon. Novajn alĝustigitajn aliĝilojn LKK tre baldaŭ sendos al la landaj sekcioj. Kun la aliĝiloj LKK ankaŭ sendos glumarkojn kaj petas la landajn sekciojn, vendi ilin al siaj membroj favore al LKK.

LKK elektis Slanĉev Brjag (Suna Bordo) kiel kongreslokon. Suna Bordo situas 40 km norde de Burgas. Inter la du lokoj ĉiujn 20 min. trafikas aŭtobusoj. En Suna Bordo ekzistas multaj hoteloj, el kiuj LKK elektis kelkajn, kiuj estas tre proksimaj al la kongresejo. Ĉiuj situas nur 100 ĝis 200 m de la strando. La kongresejo estas la plej elstara kaj centra konstruaĵo de Suna Bordo. Kelkaj restoracioj, kie la kongresanoj laŭ bezono povos manĝi, same troviĝas proksime de la kongresejo.

Ĉar kongreskotizo, restadkostoj, pagmaniero ktp varias, ni devas dividi la informojn en du partoj laŭ la lando de la kongresonto.

1.
El okcidentaj landoj inklude de Jugoslavio:
Prezoj estas indikitaj en usonaj dolaroj.
Kongreskotizo ĝis 28.2.1984:

| | |
|---|---|
| IFEF-membroj (ankaŭ emeritoj) | 28,- |
| Familiano kaj junulo ĝis 20jara | 14,- |
| Ne IFEF-membro | 34,- |
| Simpatianto (ne partoprenas la kongreson) min | 5,- |

Pagu la egalvaloron de la kongreskotizo al la IFEF-kasisto, poŝtĉekkonto 1 25 80 36, IFEF, Banegårdspladsen 14, DK-9700 Brønderslev, aŭ al la svisa poŝtĉekkonto CH 85-4110 Frauenfeld, IFEF, Banegårdspladsen 14, DK-9700 Brønderslev.

Ne forgesu noti "Kongreskotizo por la 36a".

Se ne eblas transĝiri al iu el la poŝtĉekkontoj, uzu la bankkonton 7353-350550, Provinsbanken, DK-9800 Hjørring, sed nepre aldonu 25 dkr por la bankelspezoj.

La aliĝilon sendu al 36a IFEF-kongreso, Hr.Botev 97, BG-1303 SOFIO, Bulgario.

Restadkostoj estas de 19 ĝis 33 us dol. por ĉiu persono kaj por ĉiu tago. Ĝi inkludas hotelĉambron kaj plenan pensionon kaj estas pagenda al certa bulgara banko tiel frue, ke ĝi atingos la bankon antaŭ la 25a de marto. Momente ni esploras la eblecojn por grupa transpagado kaj la tempon bezonatan por la transiro.

2.
El socialismaj landoj:
Kongreskotizo estas en levoj la samaj ciferoj kiel supre menciite en dolaroj, kaj estas pagendaj rekte al

LKK, DSK Glagoevski rajon, smetka 185/4168.

Restadkostoj 24,70 - 48,30 levoj, pagenda antaŭ la 25a de marto al Sofia banko.

Prefere rilatu kun via landa asocio pri lokaj eblecoj kaj cirkonstancoj.

- - -

LKK planas ekskursojn jene:

A. Duontagan al vilaĝo Prosenik kun popolstila vespermanĝo.
B. Duontagan al la apudmara urbo Sozopol.
C. Tuttagan al la antikvaj regionoj de urboj Ŝumen, Preslav, Pliska kaj Madara.
D. Postkongresan per aŭtobusoj al Istanbulo (Turkio), kiu laŭ la aliĝilo estas nur por okcidentlandanoj. Ĝi kostas kun du tranoktoj en Istanbulo 100 us.dol. kaj kun tri tranoktoj 120 us.dol., kio inkludas veturadon, plenan pension kaj surlokan programon. Ekzistas ebleco partopreni en du kromaj ekskursoj, nome: "Istanbulo dum tago" (por 12 us.dol.) kaj "Istanbulo dum nokto" (por 15 us. dol.)Aliĝo devas okazi antaŭ 31.12.1983 per ordinara letero al LKK.

Pluraj informoj sekvos en la venonta IF.

LKK + red

# KONGRESPREPAROJ EN BULGARIO

(Raporto de la IFEF-prezidanto)

Laŭ invito de LKK de la 36a IFEF-kongreso mi vojaĝis al Bulgario, por konsili al LKK en la preparado de tiu venontjara kongreso. Dum 5 tagoj estis vizititaj personoj kaj lokoj gravaj por la kongreso. Aparte menciinda estis aŭdienco ĉe la alta protektanto de la 36a IFEF-kongreso, la bulgara ministro por transporto, V.Canov. Ni informis lin pri la stato de la preparado, precipe pri la faka karaktero de niaj kongresaj laboroj. La ministro afable akceptis, trakti favore kelkajn petojn de LKK kaj fine esprimis la deziron, ke la nivelo de la kongreso estu alta kaj sincera.

Unu el la plej gravaj taskoj de ĉiu kongreso, nome la informado, jam nun ekfunkcias. La respondeculo pri informado formulis kelkajn principajn demandojn pri la kongreso mem kaj la agado de IFEF, kiujn mi respondis kaj kiuj respondoj aperos en "Bulgara Esperantisto".

Ni preparis la provizoran programon, kiu estos publikigata en la venonta "Internacia Fervojisto". Jam nun oni povas aserti, ke ankaŭ la 36a fariĝos ĉiurilate alloga kongreso. Post realigo de diversaj planoj LKK informos per IF.

Surloke en Slanĉev Brjag (Suna Bordo) ni esploris la hotel-situacion. Ekzistas multaj diverskvalitaj hoteloj, kiuj grandparte estas ĉirkaŭataj, parte eĉ kaŝataj, de parksimilaj arbaretoj. La kongresejo estas sufiĉe granda por povi aranĝi ekz inaŭguron eĉ por grandnombra kongresanaro. La fajna sablostrando kilometrojn longa kaj ofte 50 ĝis 80 m larĝa, kelkloke kun dunoj, tutcerte invitos al bonvena sunbanado, dum la apuda maro logos por bani kun temperaturo eltenebla jam en Majo (komp. la "Unuaj informoj" en tiu ĉi numero).

Tre interesa kun certeco estos la kvartaga postkongresa ekskurso al Istanbul. Planate estos internacia flugkaravano kun restado de du semajnoj, kiu ebligos partoprenon en tiu ekskurso. Informoj sekvos tuj, post kiam la prezoj por 1984 estos konataj. Mi finas tiun raporteton kun danko al la bulgaraj geamikoj pro la kora gastamo kaj subtenado dum la tuta restado.

J. Giessner.

# PROTOKOLO PRI LA PLENKUNSIDO ESTRARO/KOMITATO EN LA 35A IFEF-KONGRESO OOSTENDE (B)

Mallongigoj:
k-o = komitato, k-ano = komitatano, l.a. = landa asocio, Pr = prezidanto, Vp = vicprezidanto, Sk = sekretario, Ks = kasisto, Rd = redaktoro, IF = Internacia Fervojisto, por landaj nomoj estas uzitaj la aŭtomobilkodoj

Unua parto, 8.6.1983

1. Malfermo, konstato mandatoj

Pr bonvenigas la ĉeestantojn kaj dankas la grandan nombron de partoprenantoj.

Ĉeestas 23 k-anoj (Jugoslavio ne estas voĉdonrajta).

| Lando | Komitatano |
|---|---|
| Aŭstrio (A) | Greta Gössl |
| | Leopold Patek |
| Belgio (B) | Lucien de Sutter |
| Britio (GB) | Frank Curtis |
| Bulgario (BG) | Marin Marinov |
| Danio (DK) | Gunnar Thuesen |
| Finnlando (SF) | Nils G. Narvala |
| Francio (F) | Denise Happi-Fosso |
| | Pierre Robiolle |
| Germanio (D) | Willi Grass |
| | Egon Kiefer |
| | Gernot Ritterspach |
| | Heinz Schindler |
| | Joachim Schrapp |
| Hispanio (E) | Angel Gonzáles |
| Hungario (H) | István Gulyás |
| | János Patay |
| Italio (I) | D-ro Alberto Menabene |
| Jugoslavio (YU) | M. Maraŝević |
| Nederlando (NL) | Jan Bultman |
| Norvegio (N) | Per Johan Krogstie |
| Svedio (S) | Evert Rausek |
| Svislando (CH) | Otto Walder |

Mankas: Ĉeñoslovakio, Japanio, Pollando.
Observantoj: G. Dolapĉiev (BG), R. Gimenez (E), J. Labordus (NL).
Honora membro: W. van Leeuwen,

La ĉeestantoj starante honorigas la mortintojn de la pasinta jaro, kies nomojn Pr laŭtlegas.

Kun bedaŭro ni eksciis la informon de la subita morto de André Blondeaux. Pro la grandaj meritoj en IFEF la estraro decidis, nomumi lin Honora Membro.

La prezidanto de la franca landa asocio, G. Mazaud, dankas pro la honorigo kaj transdonos la Oran insignon kaj la dokumenton al la vidvino.

2. Ricevitaj telegramoj, leterojk.s.

Sk laŭtlegas la multnombrajn leterojn kaj telegramojn. Estu jen menciitaj: de Jong (NL), Barks kaj Boulton (GB), Kristana Sindikato Belgio, Socialista Sindikato Belgio, Flandra Esperanto-Ligo, Belga landa FISAIC-sekcio, ĉefo de Gazetara Servo de SNCB (s-ro Vangestel), ĉefo de Fervoja Muzeo Bruselo (s-ro Feron), krome salutojn el Aŭstrio, Bulgario, Ĉeñoslovakio, Grekio, Japanio.

3. Eventuala diskonigo de gravaĵoj el la nepublika kunsido

Pr mencias jenajn gravaĵojn:
a) reelekto de ĉefkomitatano L. de Sutter
b) reelekto de funkciuloj de la komisionoj
c) IFEF starigis rezolucion, unuanime akceptita de la k-o. Pr petas, ke la l.a. zorgu pri tradukado en siaj landoj.

4. Raportoj estraraj

4.1 sekretario
akceptita (22 voĉoj, raporton vidu IF 3/83)
4.2 redaktoro
akceptita (22, raporton vidu IF 3/83)
W. van Leeuwen laŭdas la bonaspektan gazeton.

Pr: Tute nova kaj bonvena estas la rubriko "Redaktora Babilo".
4.3. kasisto
akceptita (22, raporton vidu IF 2/83).
Ks klarigas la elspezojn por IF. Bedaŭrinde la presisto en Augsburg (D) devis altigi la prezon por la presado. Nun en Næstved (DK) ni presas IF por preskaŭ la duona prezo, kaj sur bonkvalita papero.

5. Protokolo Balatonfüred
akceptita (22, raporton vidu IF 3/82).

6. Konfirmo de la invito por la 36a kongreso
Marinov invitas al Slanĉev Brjag (BG). Kongresejo: "Variete". Slanĉev Brjag (Suna Bordo) situas ĉe la Nigra Maro. La 36a kongreso estos de la 12a ĝis la 18a de Majo 1984.

7. Raporto de la ĉefkomitatano
Ĉk partoprenis en du estrarkunvenoj (Bergen (N) kaj Lindhorst (D)). Li eldonis cirkuleron kun demandilo por la k-anoj kaj l.a.
Krome la ĉk korespondis multe kun la estraranoj.
Pr laŭdas la bonan kunlaboron. La ĉk estas peranto inter estraro kaj k-o. Kvankam li estis pro la kongreso treege okupita, li bone plenumis la taskojn.

8. Resumo pri raportoj landaj asocioj
Raportas Vp Engen. Entute raportis 18 l.a. el 19, bonega rezulto. La resumo aperos en IF.

9. Raportoj de komisionoj resp komisiitoj
9.1 Terminara Komisiono
Sekereś raportas pri la ampleksa laboro. La "Terminara Kuriero" aperis 6 foje. Tute pretaj estas 14 el 24 literoj, 7 aliaj estas presprovaĵe pretaj kaj nur tri devas ankoraŭ esti reviziitaj.
Unuanime akceptita.
Pr dankas aparte al la mortinta TK-kunlaboranto Blondeaux kaj al Bipp (CH) kiu post jardekoj nun ĉesas sian kunlaboron.
9.2. Fakprelega Komisiono
Thuesen raportas, ke por la programero "Aktualaĵoj" anoncis sin ok landoj. La fakprelegoj havas rimarkindan nivelon. Estus utile, se FK kaj TK farus komunajn kunvenojn estonte.
Unuanime akceptita.
9.3 Historio-Komisiono
Giessner raportas, ke la komisiono intertempe komplete pretigis la manuskripton por la broŝuro pro la 75jara ekzisto de IFEF. Plejparte la financigado estas certigita.
Unuanime akceptita.
9.4 Koresponda Servo
Demissy raportas, ke li ricevis en la lasta jaro 14 leterojn, sed bedaŭrinde nur 1 respondkuponon.
Pr aldonas, ke IFEF ofte ricevas demandojn pri korespondado. Demissy plenumis akurate la taskon.
Dolapĉiev proponas, aperigi en IF rubrikon "koresponddeziroj".
La raporto unuanime akceptita.
9.5 Informa Fako
W. van Leeuwen raportas pri ne sufiĉe da kunlaboro. Li petas, ke la k-o elektu novan komisiiton.
La raporto unuanime akceptita.
Pr: Ni devas danki pro la laboro. Tiu problemo ankaŭ aperas en la itala kongrespropono 6. La kulpo por la fiasko estas ĉe la l.a., kiuj ne respondis. Io tamen okazu estonte.
D-ro Menabene: En ĉiu lando oni devas agi. Kaj poste ni akordigos ĉion.
9.6 Komitatano A de UEA
Dipl.-Inĝ. Gulyás donas superrigardon pri siaj taskoj. En la lasta kontaktkunveno dum la UK Antverpeno partoprenis 43 fervojistoj. Ankaŭ en Budapeŝto okazos fervojista kontaktkunveno (1.8.).
Unuanime akceptita.

11. Laborplano
11.1 Jubileo IFEF 1984
Pr: La kongreso devas havi festan karakteron. En Oostende kunsidis la bulgara LKK kun la estraro kaj traktis diversajn demandojn. En la kongreso ni intencos aperigi la Historio-Broŝuron.
11.2 Jubilea Jaro 1987
Pr informas la kongreson, ke IFEF kunlaboras en la preparkomitato. En Münster (D) okazis 1982 la fondkunveno. Por IFEF partoprenis Pr kaj Sk. Intertempe UEA eldonis broŝuron "Kiu faros kion". La pola registaro oficiale konsentis, ke IFEF aranĝos sian kongreson 1987 en Pollando. En Oktobro la temo estos traktata kun la pola asocio kaj poste kun FFEA.
11.3 Enketo laborkondiĉoj
Sk diras, ke intertempe 15 l.a. respondis (el 19). Mankas ankoraŭ Belgio, Ĉeĥoslovakio, Francio kaj Pollando. Tiuj l.a. estas petataj urĝe respondi. La estraro baldaŭ verkos resumon.

DUA PARTO (9.6.1983)

Ĉeestas 22 k-anoj (Jugoslavio mankas). Por Italio partoprenas Germano Gimelli.

10. Kongresproponoj
Propono 1
La l.a. studu la eblecojn kaj raportos al la komisiito. Li kompilos ĉion. La adreso de la komisiito: Andre Aude, 57 Rue des Heraults, St. Avertin, F-37170 Chambray les Tours.
Unuanime akceptita.

Propono 2
Unuanime akceptita kun la amendo post la lasta vorto "asocio": "kiu tion deziras".

Propono 3
La l.a. pagu unufoje por ĉiu membro unu germanan markon al IFEF por kovri la preskostojn de la Historio-Broŝuro.
Unuanime akceptita.

Propono 4
Ŝanĝo de la federacia kotizo al po 5.- svisaj frankoj por ĉiu membro, valida ek de Julio 1983.
Unuanime akceptita.

Propono 5
La estraro retiris la proponon (ŝanĝo de la titolo de IF).

Propono 6
D-ro Menabene komentarias detale la proponon.
Pr: Ni devus nomumi novan komisiiton de IFEF, krome komisiitojn en ĉiuj landoj, kaj ni devus enkonstrui kroman kunsidon en la ampleksajn kongresprogramojn. Tiuj komisiitoj devus trovi sistemon kaj vojon pri la koncernaj temoj. Ĉu tio estas realigebla? Ĉu ne la ĉiujaraj demandiloj havas sufiĉe da loko por doni respektivajn respondojn? Ĉu ekzistas sufiĉe da personoj por ĉiam novaj taskoj?
Thuesen demandas, kial ni ne agas en la jam ekzistantaj grupoj?
Decido: La itala l.a. ĝis la venonta kongreso montru ekzaktan vojon kaj tie eventuale invitu al respektiva kunsido. Tiam la k-o decidu, ĉu necesos nova IFEF-komisiito kaj nova sistemo.
La baloto havas jenan rezulton: por 15, sindeteno 1, kontraŭ 5.

12. Resumo pri la situacio en diversaj landoj
a) Ĉeĥoslovakio
Oni planas en Julio eventuale fondi slovakan fervojistan sekcion; Pr skribis nome de IFEF al la kompetenta Ministerio tra la CS-ambasadejo en D laŭ interkonsento kun ĈEA, por akiri oficialan staton en CS.

b) Polio
La afero bonevoluas. La poloj sendis teleludojn por havi monon. Sed bedaŭrinde la kongresanoj ne kompre-

nis tion. La intereso ne estis granda.
En Oktobro okazos tutpola fervojista renkontiĝo.

c) Jugoslavio
Bedaŭrinde ni aŭdis nenion lastatempe pri la vivo en tiu l.a. Sed la jugoslava k-ano diris, ke baldaŭ la situacio pliboniĝos.

d) Ĉinio
IFEF havas nun du ĉinajn membrojn. Ili estas fervojistoj. Laŭ "El Popola Ĉinio" ankaŭ en Interna Mongolio ekzistas fervojista rondo. Pr intertempe petis sciigi la adreson. Jenaj kolegoj pretas, pagi la IFEF-kotizojn por estontaj ĉinaj kolegoj: Engen (N), Robiolle (F), Ritterspach (D), de Sutter (B), Patek (A), Gössl (A), Schindler (D), Rausek (S), Happi-Fosso (F), Labordus (NL), Gimelli (I), v. Leeuwen (NL), Kruse (D), Barnickel (D), Fanke (D), D-ro Boschin (I).

13. Budĝeto 1984
La budĝeto 1984 estas unuanime akceptita.

14. Elekto de revizoroj
Laŭ propono de DEFA jenaj elektiĝis: A. Klausen, R. Mikkelsen, C.V. Jensen kaj S.A. Hvass (vicrevizoro).

15. Rilatoj al aliaj organizoj
15.1 UEA
IFEF estas la plej grava fakorganizo en UEA. Dum la UK en Budapeŝto okazos fervojista kontaktkunveno. Laŭ statuto IFEF rajtas havi unu komitatanon A en UEA. La k-o elektis denove por 3 jaroj István Gulyás (H). Unu sindeteno.
15.2 FISAIC
Pr klarigas la organizon de FISAIC. La statuto estas tradukita en Esperanto. En la aranĝkalendaro niaj IFEF-aranĝoj estas menciitaj, se ili okazas en landoj, kiuj estas membroj de FISAIC.

15.3 FIRAC (radioamatoroj)
Pri FIRAC ni aŭdis antaŭ la kongreso Oostende nenion. La bulgara LKK volas interesigi la radioamatorojn por starigi sendstacion en Slanĉev Brjag. Sur la insulo Borkum (D) okazos en aŭtuno la FIRAC-kongreso. Flanke de FISAIC partoprenos Ks.

15.4 AEC
AEC estas tre forta en Italio. D-ro Menabene diras, ke AEC agnoskas ĉiun lingvon, ankaŭ Esperanton. Kie tio eblas, ni helpu al AEC, por ke Esperanto tie estu enkondukata kiel laborlingvo.

15.5 Itala sindikata FISAFS
D-ro Menabene diras, ke FISAFS havas 13.000 membrojn kaj faris sukcesan laboron.
Pr: En D la sindikato GDBA, kiu havas kontakton al FISAFS, ne ŝatas starigi novan organizon. La itala sindikato skribis al sindikatoj ekz. B, D, F, NL. La reagoj ne estas konataj. Bonvena estas la starigo de sendependa internacia sindikato kun laborlingvo Esperanto.

16. Venontaj kongresoj
16.1 Elekto de lando por 1985.
Irving Sørensen invitas nome de la nordiaj asocioj al la dana urbo Vejle (17.5.-23.5.1985).
Unuanime akceptita.

16.2 Diskutado pri postaj eblecoj.
G. Mazaud (F): Oni intencis aranĝi la kongreson 1987 en Francio, sed nun Polio ankaŭ havas intereson.
Pr: La pola registaro jam nun konsentis ne nur pri UK, sed ankaŭ pri aliaj kongresoj (i.a. IFEF). La francaj kolegoj estas petataj, prokrasti la aferon ĝis aŭtuno, ĉar en Oktobro okazos pola fervojista kunveno.

17. Internacia Skisemajno 1984
Elfriede Kruse raportas pri la

lasta skisemajno en Bayr. Eisenstein (D). Dum la skisemajno oni povas kuraĝigi novajn membrojn. La aranĝo estas bona tereno por nia ideo. En Bay. Eisenstein partoprenis 83 personoj el 8 landoj. Oni aranĝis konkursojn kaj allogan programon.

L. Patek (A) invitas la skisemajnon 1984 al Maria-Alm (A).

Unuanime akceptita.

18. Libera diskutado

E. Kruse: Mi havas ankoraŭ stokon de la libro "La Verda Relo". Interesuloj povas mendi la valoran verkon. Por la kongreso en Vejle estos planata nova literatura konkurso.

Kelkaj aliaj kongresanoj donis gravajn informojn pri aranĝoj ktp.

Lindhorst, la 12an de Junio 1983
O. Rösemann
(sekretario)

# RAPORTO DE LA HISTORIO-KOMISIONO

en la plenkunsido de la 35a kongreso en Oostende (Belgio) 8.6.1983

En la periodo de post la 34a kongreso en Balatonfüred la Historio-Komisiono sukcesis komplete finpretigi la manuskripton por la planita broŝuro. Mankas nur ankoraŭ kelkaj detaletoj, kiujn ni lastmomente aldonos kie necese. Sekve konstateblas, ke la komisiona laborplano estas plenumita kaj same ĉiuj taskoj, fiksitaj en la pasintjara kongresa raporto.

Unu el tiuj taskoj estis, trovi presejon. Post esploroj en kelkaj landoj ni venis al la konkludo, ke la plej avantaĝa solvo estas libropresado en la presejo, kiu jam de jaroj presas la germanan "Bulteno". Tio okazos antaŭvideble per okpunktaj literoj. Tiuj estas ne tro grandaj, sed tamen bone legeblaj. Helpe de tiu presmaniero ni ŝparos konsiderindan nombron da paĝoj, sekve ankaŭ paperon, pezon, afrankojn kaj ebligos korektojn ĝis lasta momento. La fotoj sur mezkvalita glata papero bone efikos. La grafikan kompostadon faros fakulo, kiu eĉ estas IFEF-membro. Ni ne laste trovis tiun elekton, ĉar la Historio-Broŝuro fariĝos dokumentaro, kiu ne nur laŭ enhavo, sed ankaŭ laŭ sia ekstera aspekto substreku la gravecon de la 75jara ekzistado de la fervojista faka movado.

Kompreneble la momente plej grava problemo estas la financigo. Sekve de la redukto de la paĝonombro la prezo por la broŝuro ne aŭ preskaŭ ne fariĝos pli alta ol per ofseta preso, kiu krome kondiĉus, ke ĉiuj manuskriptoj denove devus esti senerare tajpataj, terura laboro. Por eviti grandan administran aparaton, ni deziras doni senkoste por ĉiu IFEF-membro unu ekzempleron kaj antaŭe certigi la financigon. Granda parto de la necesa sumo jam estas en la kaso. La reston ni intencas havigi parte helpe de tombolo tie ĉi en Oostende kaj helpe de unufoja kontribuaĵo de la landaj asocioj laŭ ilia IFEF-membronombro. Bonan helpon donas UEA, kies prezidanto Maertens laŭ mia peto antaŭ kelkaj semajnoj anoncis subvencion de 500 guldenoj, krome la libroservo de UEA intencas mendi certan kvanton. Do ni povas konstati, ke UEA ekkonas la gravecon de nia prihistoria laboro, kaj je tiu okazo mi nome de IFEF sincere kaj kore dankas al UEA pro tiu grandanima subvencio.

Mi finas kun la certigo, ke la Historio-Komisiono klopodos, plenumi ankaŭ la reston de la longjara laboro laŭ plano kaj en bona ordo.

Giessner, gvidanto

Raportoj de Terminara Komisiono kaj Fakprelega Komisiono en la venonta IF.

# RESUMO KAJ KOMENTARIO PRI LA JARRAPORTOJ DE LA LANDAJ ASOCIOJ 1982

Ĝis la 20a de marto 1983 18 el niaj 19 landaj asocioj sendis raportojn. La sekvonta resumo estas bazita sur la 18 ricevitaj raportoj.

21.
Landaj estraroj, funkciuloj kaj membroj

Kiel kutime la ĉefkomitatano prizorgas aperigon de listo kun la nomoj kaj adresoj de la funkciuloj.

Laŭ la raportoj la nombro de membroj de IFEF estas preskaŭ la sama kiel en 1981. Pro la sama kaŭzo kiel dum la lastaj jaroj, la totala nombro de membroj de la landaj asocioj estas proksimume la duobla de la membronombro de IFEF.

22.
Eldono de ia landa organo

Kun escepto de la landaj asocioj en Finnlando, Hispanio, Japanio kaj Norvegio, ĉiuj landaj asocioj havas proprajn organojn. Tri el tiuj organoj aperas neregule, ok aperas 3 ĝis 6 fojojn jare. La organoj de niaj asocioj en Danlando, Francio kaj Nederlando aperas ĉiumonate (11-12 fojojn jare). La landaj asocioj en Hispanio kaj Norvegio havas paĝojn en la revuoj de la neŭtralaj landaj Esperanto-asocioj. La norvega asocio krome kunlaboras kun la dana kaj regule aperigas informojn en DEFA-bulteno.

23.
Rilatoj kaj kunlaboro kun instancoj kaj aŭtoritatoj

23.1. Fervojaj instancoj

En Japanio ne ekzistas kontakto kun la fervojaj instancoj. Finnlando nenion diras pri tiaj rilatoj. La ceteraj landaj asocioj havas bonajn aŭ almenaŭ kontentigajn rilatojn al siaj fervojaj administracioj. En Belgio, Danlando kaj Francio la rilatoj ĝenerale funkcias pere de la landaj FISAIC-sekcioj.

23.2. Sindikatoj

La situacio varias de lando al lando. En Japanio, Hispanio, Francio, Danlando kaj Ĉeĥoslovakio ne aŭ apenaŭ estas rilatoj al la sindikatoj. Finnlando nenion indikas. La aliaj landaj asocioj raportas pri ĝenerale bonaj rilatoj. En FRGermanio, Hungario, Norvegio kaj Svislando la kontaktoj estas bonaj kaj la sindikatoj subvencias niajn asociojn kaj disponigas al ili spacon en siaj revuoj.

23.3. Landaj FISAIC-organizaĵoj

La rilatoj al la landaj FISAIC-sekcioj estas bonaj, ĉie, kie tiaj troviĝas. En Belgio, Danlando kaj Finnlando IFEF-membroj havas gravajn FISAIC-oficojn. En Bulgario nia landa asocio klopodas organizi novan FISAIC-sekcion.

23.4. Aliaj fervojistaj organizaĵoj

La plejmulto de la landaj asocioj havas diversajn rilatojn al aliaj fervojistaj organizaĵoj, speciale al filatelistoj, radioamatoroj, orkestroj kaj ĥoroj. Ofte la kontaktoj okazas tra la FISAIC-sekcioj.

Hungario informas ke la kontaktoj tie okazas tra la sindikatoj kaj montras al la granda sukceso dum la 34a kongreso. En Bulgario nia landa asocio kunlaboras kun kulturaj domoj en Sofio kaj aliaj urboj koncerne kunvenejojn, kursojn ktp.

23.5. Ne-fervojistaj organizaĵoj

Ĝenerale ne ekzistas multaj rilatoj al ne-fervojistaj organizaĵoj. Nia hungara asocio priparolas gravajn kontaktojn kun junul- kaj porpacaj organizaĵoj. En Bulgario, Hispanio kaj Danlando okazas kunlaboro kun turismaj kaj kulturaj asocioj.

24.
Kunlaboro/rilatoj kun aliaj Esperanto-organizaĵoj

24.1. Landaj asocioj de UEA

Preskaŭ ĉiuj landaj asocioj havas viglajn kontaktojn kun la landaj asocioj de UEA kaj ties lokaj kluboj kaj grupoj. En Belgio, Bulgario, Ĉeĥoslovakio, FRGermanio, Finnlando kaj Hungario niaj landaj asocioj estas pli aŭ malpli firme ligitaj al la landaj UEA-asocioj.

Speciale menciinda estas ke la Germana Esperanto-Asocio honoris nian prezidanton, s-ron Giessner, kaj nian multjaran sekretariinon, s-inon Kruse, per sia meritkruco.

24.2. Landaj grupoj de SAT

Al la SAT-grupoj ekzistas bonaj rilatoj en ĉiuj landoj escepte de Belgio, Finnlando, FRGermanio, Japanio, Jugoslavio. En Bulgario, Ĉeĥoslovakio, Hungario kaj Svislando ne troviĝas SAT-grupoj. Nia landa asocio en Norvegio estas membro de SAT, kaj en Danlando la landaj asocioj de IFEF kaj SAT komune aranĝas siajn jarkunvenojn.

24.3. Aliaj

Nur malmultaj landaj asocioj raportas pri rilatoj al aliaj Esperanto-organizaĵoj. Rilatoj do troviĝas al la Internacia Esperanto-Muzeo en Vieno, al la Japana Esperanto Instituto en Tokio kaj al la Federacio de Esperanto-organizaĵoj en Nederlando. Ankaŭ ekzistas kontaktoj kun MEM en Hungario kaj Hispanio.

25.
Informado en plej vasta senco

25.2.0. Publikigo de gazetartikoloj

Entute sufiĉe granda nombro da artikoloj aperis en fakaj/sindikataj revuoj kaj en la ordinara gazetaro. Temas totale pri centoj da artikoloj kaj mencioj. Plej multaj verŝajne aperis en gazetoj en FRGermanio kaj Hungario.

25.2.01. Apliko de la gazetara servo

12 landaj asocioj uzis la oficialan raporton por diversaj celoj, precipe por verki artikolojn kaj raportojn.

25.2.02. Rimarkoj pri la gazetara servo

El niaj landaj asocioj 8 ne havis rimarkojn, dum kvar ne respondis. Aŭstrio, Danlando, FRGermanio, Nederlando kaj Norvegio nomas ĝin bona aŭ kontentiga. Svislando skribas ke la raporto estas taŭga, sed ripetas ke tre utila estus konciza finraporto.

25.2.1. Publikigo de la fakprelego

La utiligo de la fakprelego ŝajnas esti relative modesta. Resumoj aperis en Esperanto-revuoj en 4 landoj kaj en nacilingvaj sindikataj kaj fakrevuoj kaj tag-gazetoj en 5 landoj. FRGermanio kaj Svislando sendis ĝin al fervojaj instancoj. Cetere ĝi en 6 landoj utiliĝis en konferencoj kaj kunvenoj.

25.2.1.1. Aliaj fakprelegoj

Dum kunveno aranĝita de la fakprelega komisiono en Balatonfüred kelkaj landaj asocioj prezentis mallongajn prelegojn pri diversaj fervojnovaĵoj.

Aliajn fakprelegojn mencias Ĉeĥoslovakio, Danlando (dum la nordia kunveno), FRGermanio, Hispanio, Hungario kaj Jugoslavio. Tri el la prelegoj pritraktis IFEF-aferojn kaj ses diversajn fakajn temojn.

Estus dezirinde ke la aktiveco sur tiu-ĉi kampo estus pli granda.

25.2.2. Agadraportoj al fervojaj instancoj kaj sindikatoj

Naŭ landaj asocioj regule raportas al la landaj FISAIC-sekcioj. Kvin asocioj sendas raportojn rekte al fervojaj instancoj kaj ankaŭ kvin al la sindikatoj. Britio, Bulgario, Ĉeĥoslovakio, Japanio kaj Jugoslavio ne regule raportas.

25.2.3. Informado en la deĵorejoj

Aŭstrio, Danlando, Francio, Hungario, Jugoslavio kaj Svislando regule

informas en la deĵorejoj per bultenoj, murgazetoj aŭ informkestoj. Ankaŭ en Hispanio, Italio kaj Svedio tia informado okazas pli aŭ malpli regule. Nia norvega asocio ĉi-jare pendigis novan varbafiŝon en ĉiuj deĵorejoj. En FRGermanio lokaj grupoj prizorgas tian informadon.

25.2.4. Informado pere de televido aŭ radio

Okaze de la 34a IFEF-kongreso la hungara televido sendis programon. La bulgara televido raportas pri Esperanto-ekspozicio en Sofio. Jenaj radiostacioj informis pri Esperanto: Radio Debrecen, Nyiregyháza, Györ, Pécs kaj Budapest en Hungario, Radio Zagreb en Jugoslavio, Radio Vieno en Aŭstrio kaj Süddeutsche Rundfunk en Germanio.

25.3. Ekspozicioj

Ekspozicioj okazis en minimume 18 lokoj en Bulgario, Ĉeĥoslovakio, Danlando, Francio, FRGermanio, Hispanio, Hungario kaj Norvegio. Krome Aŭstrio kaj Britio mencias ekspoziciojn en stacidomoj kaj bibliotekoj sen indiki la nombron kaj la lokojn.

La ekspoziciojn aranĝis niaj landaj asocioj aŭ sole aŭ kune kun la landaj UEA- aŭ FISAIC-sekcioj.

Plej impona verŝajne estis la ekspozicio, kiun aranĝis nia hungara asocio okaze de la kongreso en Balatonfüred.

25.4. Distribuado de varbiloj

Preskaŭ ĉiuj landaj asocioj elsendis diversajn varbilojn. La totala kvanto verŝajne superis 30.000 broŝurojn, varbilojn kaj afiŝojn.

Pli ol po 1000 ekzemplerojn destribuis niaj asocioj en Danlando, FRGermanio, Hispanio, Norvegio kaj Svedio.

25.5. Jarkunvenoj

Nur nia landa asocio en Jugoslavio ne aranĝis jarkunvenon en 1982, tamen speco de jarkunveno okazis. En Bulgario, Hispanio, Italio kaj Svislando la jarkunvenoj okazis kune kun la jarkunvenoj de la landaj UEA-sekcioj. En Danlando la sekcioj de IFEF, UEA kaj SAT havis komunan aranĝon. BEFA kaj FERN ankaŭ kunlaboris tiurilate.

La nombro de partoprenantoj ĝenerale estis kontentiga.

En konekso kun la jarkunvenoj okazis en Aŭstrio, Belgio, Danlando, Francio, FRGermanio, Hungario, Italio kaj Svedio aliaj fakaj, kulturaj aŭ sociaj aranĝoj.

26.
Junularo

En Bulgario, Danlando, FRGermanio kaj Hungario niaj landaj asocioj speciale aktive laboras por informi kaj varbi novdungitojn.

En Aŭstrio aranĝiĝis speciala junulara konferenco. Ankaŭ en aliaj landoj agado okazis.

Sed ĝenerale ni devas konstati ke la situacio estas ne tute kontentiga. Ni bezonas multajn novajn junulojn por certigi la ekziston de nia asocio.

27.
Varbado

Preskaŭ ĉiuj landaj asocioj iamaniere aktive varbis. Laŭ la raportoj la aktiveco ŝajnas esti granda en Bulgario, Danlando, FRGermanio kaj Hungario.

En Francio nia asocio fondis specialan komisionon por plifortigi la agadon.

En Norvegio la 2 sindikataj monataj revuoj kun eldonkvanto de proksimume 25.000 ekzempleroj, publikas ampleksan gazetaran Esperantokurson.

28.
Terminara laboro

Aperis n-roj 33-38 de Terminara Kuriero.

12 landaj asocioj raportas ke ili partoprenas en la terminara laboro.

Mi montras al la raporto de la Terminara Komisiono.

Bulgario kaj Ĉeĥoslovakio skribas ke okazas laboro pretigi terminare-

tojn en ĉi tiuj landoj.
En Francio daŭras la laboro kompili rimarkojn koncerne la Fervojan Leksikonon, kiun eldonis la franca asocio en 1978.

101.
Diversaĵoj

La raportoj mencias multajn aktivecojn kaj estas eble en la resumo priparoli nur kelkajn.

Aŭstrio aranĝos la internacian skisemajnon en Maria Alm en 1984.

Danlando raportas pri fruktodona kunlaboro kun multaj urbaj konsilantaroj. Nia landa asocio grave kontribuis ĉe la aranĝo de la Nordiaj Kulturaj Tagoj en Næstved. Ĝi ankaŭ tre sukcese aranĝis la Nordian Fervojistan Esperanto-Renkontiĝon en Tisvildeleje.

FRGermanio i.a. proponas ke IFEF klopodos ellabori bonegan varbprelegon por uzo dum aranĝoj por junulorganizaĵoj, sportaj kluboj, politikaj asocioj ktp. GEFA organizis la 24an IFES en Bayr.Eisenstein.

Hungario aranĝis la brilan 34an IFEF-kongreson en Balatonfüred. Krome la hungara landa asocio raportas pri tre vigla agado en multaj kampoj. Mi mencias nur kelkajn: Fondo de socialista Esperanto-brigado en Pécs, kontaktoj kun ĝemelurbaj grupoj, multnombraj ŝtatekzamenoj pri Esperanto, ekspozicioj, Esperanto-bibliotekoj, granda nombro da kursoj, vizitoj el kaj al diversaj landoj, Esperantoklarigoj en la internacia horaro kaj aranĝo de la tradicia Fervojista Landa Renkontiĝo kun partoprenantoj el multaj landoj.

Italio raportas ke memstara sindikato de italaj fervojistoj (FISAFS) oficiale proponis starigi eŭropan sindikaton por fervojistoj unuigitaj pere de Esperanto.

Jugoslavio: Mira Lipiĉar ricevis ŝtatan distingon por meritoj rilate al Esperanto-agado.

Per Engen
vicprezidanto

---

## IOM PRI LA STATUTO

Sen statuto IFEF nek povas nek rajtas ekzisti. Ĉi-rilate ĝi similas al ĉiuj aliaj organizoj. Sed statuto nur utilas, kiam ĝi estas aplikata. Kaj por utiligi al la federacio, ĝi eĉ devas esti korekte aplikata. Pro tio ni rigardu la § 22, kiu traktas proponojn, faratajn de la membraro. En alineo (2) klare estas indikite, ke proponoj devas atingi la ĉefkomitatanon plej malfrue la 31an de Decembro. Kompreneble, se propono estas akompanata de komentario, tiu ĉi estas esenca parto de la propono kaj samtempe kun ĝi, sed almenaŭ ĝis la 31a de Decembro same atingu la ĉefkomitatanon. Aliakaze la propono devas esti submetata al la proceduro laŭ "Ĝenerala Regularo al (2)". Ni rekomendas, nepre priatenti tion estonte.

Krome ni prilumu la § 15 "anstataŭado". En ties cifero (1) estas priskribita la maniero, kiel delegi samrajtajn anstataŭantojn. Klare estas dirite, ke la resp. landa asocio devas deklari tion skribe, kaj ke tio nur validas por la menciita kunsido (ne kunsidoj). La celo de tiu paragrafo neniel estas, allasi laŭ momenta elekto de la resp. personoj aŭ la komitatanon mem (anoncitan por 2 jaroj al la ĉefkomitatano) aŭ alian personon. Tio detruus la sistemon de la komitato. La senco de tiu cif. (1) estas, trovi anstataŭanton por subite malhelpita komitatano. Sekve la resp. landa asocio skribe devas anonci la anstataŭanton por ĉiu kunsido antaŭ ties komenco al la IFEF-sekretario, por ke li povu konsideri tion je la mandatkonstato.

estr

## FERVOJISTAJ ARANĜOJ EN LA 68A UNIVERSALA KONGRESO BUDAPEST

Kiel oni povis atendi, niaj hungaraj amikoj estis preparintaj riĉenhavan specialan programon por la fervojistaj vizitantoj de la UK Budapest. La unuan de Aŭgusto antaŭtagmeze renkontiĝis ĉirkaŭ 60 gefervojistoj en la trafikmuzeo. Prezidis la prezidanto de la fervojista fako de Hungara Esperanto-Asocio, d-ro István Bácskai. Inĝ. J.Halász prezentis prelegon "La evoluo de la Hungara Fervojo". Li tre elokvente pentris la disvolviĝon en la diversaj fakoj de la hungaraj fervojoj el pli frua tempo ĝis la nuno, tiel spegulante similan evoluadon de ĉiuj fervojoj. La instrua prelego estis kompletigita per projekciado de moviĝantaj diapozitivoj, kiuj en 4 sinsekvaj sekcioj rakontis la historion de la vaporlokomotivoj de ties ekfunkcio antaŭ 150 jaroj ĝis la "morto" de la lastaj el ili sur rubejo, akompanataj de konvena muziko. La tuto vekis elegiajn sentojn en ĉiu vera fervojisto. Tamen la kvina parto regvidis en la nuntempon kun prezento de ĉiuspecaj dizelaj kaj elektraj lokomotivoj.

Posttagmeze kolektiĝis ĉirkaŭ 90 gefervojistoj, denove el dekduo da landoj - eĉ Japanio - en la kongresejo. Tie okazis la oficiala kontaktkunveno. Post bonveniga saluto la UEA-komitatano A de IFEF, dipl.-inĝ. István Gulyas, informis la ĉeestantaron pri la 35a IFEF-kongreso Oostende. Sekvis prelego de la IFEF-prezidanto Joachim Giessner pri la rilatoj inter UEA kaj la fervojista movado, en kiu li prilumis la historian evoluadon de tiuj rilatoj de 1909 ĝis nun. Krome li donis plej novajn informojn pri la preparado de la venonta 36a IFEF-kongreso en Suna Bordo norde de Burgas (Bulgario), kiun lokon li ĵus estis vizitinta.

Fine la sekretario de nia hungara asocio, János Patay, donis tre interesan superrigardon sub la temo "La rolo de la Hungara Fervojo en la komunikado", menciante ĉiujn eblajn komunikilojn, kiujn la fervojo utiligas por sia funkciado.

Por grupo de fervojistoj sekvis dum alia tago ankoraŭ speciala frandaĵo en formo de ekskurso al Abaújszántó, la vilaĝo, kie naskiĝis la fama Esperanto-poeto d-ro Kolomano Kalocsay, en la regiono de Tokaj. Honore al la 68a UK oni tie inaŭguris memorĉambron omaĝe al d-ro Kalocsay.

Al niaj hungaraj amikoj estu direktata aparta danko pro la varmkora akcepto kaj la konata ĝentila zorgemo ĉiumomenta.

Ankoraŭ vorton pri la kongreso mem. Ĝi altiris preskaŭ 5000 personojn el 74 landoj. La grandega ronda kongresejo kun siaj multnombraj giĉetoj, salonoj, kioskoj, restoracio, liftoj, aŭtoparkejo, teknikaj instalaĵoj, ĉio tio en kvar etaĝoj, similis al formikejo. Kiel kutime, ankaŭ ĉi-foje la fervojistoj ludis gravan, gravegan rolon por la aranĝado de tiu eminenta manifestacio de la esperantistaro. Ne nur vicprezidanton de LKK (Imre Pethes) ili disponigis, sed ankaŭ sennombrajn helpantojn, ekz. en diversaj giĉetoj, kiel informantoj ĉiuspecaj kaj kiel ĉiĉeronoj. Oni tutcerte rajtas aserti, ke sen la fervojistoj tiu kongreso ne tiel bone estus funkciinta.

J. Giessner

## IFEF-INSIGNOJ

Tiaj el metalo kaj kun pinglo por fiksteni sur la vestaĵo estas aĉeteblaj ĉe la kasisto de IFEF.

La prezo estas 12 Dkr, 4 GM aŭ 3 Sfr por ĉiu peco.

Sendu la koncernan sumon al IFEF, Banegårdspladsen 14, DK-9700 Brønderslev, se eble per dana poŝtĉekkonto 1 25 80 36.

## NEKROLOGO

La 17an de Majo 1983 forpasis nia longjara kaj fidela ano

*FOLKERT DE JONG*

en la aĝo de 85 jaroj. Li estis frato de nia IFEF-prezidinto, K.G.J.de Jong.

Li fariĝis membro de FERN la 1an de Aúgusto 1951 kaj laboris pli ol 47 jarojn por la sindikato "Nederlanda Unuiĝo de Fervoja kaj Tramvoja Personalo", kiu poste nomiĝas "Transporta Unuiĝo F.N.V." En 1951 li ricevis la oran medalon de la tiama "N.V.", kies kasisto li estis dum multaj jaroj, kaj li favorigis niajn 5an kaj 18an IFEF-kongresojn. Unu el la tiamaj kunestraranoj rakontis al ni, ke li en la estrarkunvenoj grumblis, ke la sindikato ne multe pli laboris por la disvastigo de Esperanto.

En 1960 la Reĝino honoris lin per la ordeno "Ridder (Kavaliro) in de Orde van Oranje Nassau".

Pli ol 15 jarojn li estis membro de la Personala Konsilantaro de N.S. (Nederlanda Fervoja Kompanio). Li estis direktoro de Instrua Servo de N.S. Dum multaj jaroj li estis ankaú kasisto de "Villandry", resaniga unuiĝo de personalo de transportaj entreprenoj.

Forpasis homo, kiu en sia vivo multege faris por la laboristoj de la transportaj entreprenoj, speciale de la fervojoj.

Ni memoras lin, kiel batalpretan kaj fidelan amikon, al kiu ankaú ni ŝuldas multe da danko.

Al la parencoj ni esprimas nian sinceran kunsenton.

Li ripozu en paco.

IFEF



## MORTIS HORACE BARKS

Kiel ni eksciis en la UK Budapest, mortis la 23an de Julio 1983 nia konata brita amiko Horace Barks. Ni telegrafe kondolencis al la familio, nome de IFEF. Nekrologo sekvos en la venonta numero.

## VENONTAJ ARANĜOJ

*Jarkunveno en ĈSSR*

La fervojista sekcio de Ĉeña Esperanto-Asocio kaj la loka grupo de ĈEA en Havlìčkuv Brod okazigos la 17an konferencon de Fervojista sekcio 16.-18.9.1983 en la urbo Chotèbòr kun jena programo:

ve: alveturo de partoprenantoj
sa: aútobusa ekskurso al Lipnice, kie vivis la ĉeña verkisto Jaroslav Hašek naskiĝinta antaú 100 jaroj, kaj al aliaj interesaj lokoj en la ĉirkaúaĵo
laborkunveno
internacia amuzvespero (bonvolu kunporti muzikilojn!)
di: Aútobusa ekskurso al Ẑdar n.S (muzeo de libroj) kaj la Havlíčkuv Brod
fermo de la konferenco.

Adreso: Jitka Skalická, Konévova 227 CS-130 00 Praha 3.

*Jarkunveno de GEFA*
okazos en LUNEBURG la 7an-9an de oktobro 1983 (vidu IF n-ron 4 paĝojn 61-62).

*Jarkunveno de FFEA*
okazos en SEVRIER la 15an de oktobro 1983 (vidu IF n-ron 4 paĝon 62).

*La 25a IFES*
okazos en MARIA ALM (A) la 28.1-4.2. 1984 (vidu IF n-ron 4 paĝon 63).

## KOMISIITO *pri la ebleco instigi la kongresanojn al pli vasta uzado de la lingvo Esperanto dum la IFEF-kongresoj*

Bonvolu relegi la kongresproponon 1 (en IF n-ro 2/1983, paĝo 21). Ĝin akceptis la komitato kaj ĝi nomumis kiel komisiiton s-ron André Aude, 37, rue des Heraults, Saint Avertin, F-37170 Chambray-les-Tours.

S-ro Aude atendas vian kunlaboron.

## GRAVA ŜTATA DISTINGO

Nia konata, longtempa membro jugoslava Mira Lipićar estas dekoraciita per ora distingaĵo kun bronza girlando de Socialista Federacia Respubliko Jugoslavio (SFRJ). Ŝi ricevis ĝin pro sia longjara, valora poresperanta agado inter la fervojistoj. Ni plej kore gratulas ŝin.

IFEF

## ANONCO

Por munkena radioamatora klubo mi serĉas informojn kaj kontaktadresojn de radioamatoroj, kiuj parolas en Esperanto. Same mi petas informojn pri FIRAC kaj ties laboro.
Josef Weidacher, Schneefinkenweg 11, D-8000 München 82, Germanio.

## FERVOJA KORESPONDA SERVO

F.K.S. celas havigi al siaj membroj, same al kurso-gvidantoj kaj komencantoj (fervojisto aŭ ne) diverslandajn korespondantojn laŭ iliaj deziroj. Ĉiu korespondemulo rajtas senpage enskribiĝi sin. Ĉiu persono, kiu deziras informojn aŭ ricevi adresojn, aldonu internacian respondkuponon (aŭ francajn poŝtmarkojn), por ĉiu dezirata korespondadreso, ĉar F.K.S. ricevas nenian subvencion. Tiuj, kiuj havas problemojn por akiri internacian respondkuponon, povas tamen aliĝi senpage al F.K.S.

Senhezite enskribigu vin ĉe:
Fervoja Koresponda Servo (F.K.S.):
adreso:
J.Demissy,
18 avenue du Lieutenant Bourguignon,
F-55600 Montmedy (Francio).

Indiku viajn nomon, aĝon, adreson, en kiuj landoj vi deziras korespondant(in)ojn, kaj pri kiaj temoj ktp.

Ĉiu subskribint(in)o certigu respondi almenaŭ unu fojon!

## PROVERBOJ DE P.Th.

Pli bone erari
ol tute nenion fari.

Kiu ekzistas,
tiu ekriskas.

## ENHAVO



Redaktofino por la venonta IF, kiu aperos ĉ 1.11., estas 10.10.1983

Presejo: Gefion Tryk, Tømrervænget 7, DK-4700 Næstved